# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
- SEPTEMBRO-OKTOBRO 1948 -

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*



DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, De Bruynlaan, 44
WILRIJK



Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —


# PIONIROJ

Je la momento de la apero de tiu ĉi numero de nia revuo, la Brusela Grupo estos festinta malnovan kunlaborinton de nia Ligo, la simpatian S-ron Mathieux, kiu, krom aliaj meritoj, ankaŭ estis iam kasisto de Belga Ligo.

Ni, kiun, en la jaro 1917, S-ro Frans Schoofs esperantigis, samtempe kun S-ino Schoofs kaj S-ro De Ketelaere, ne havis la feliĉon tuj ekkoni multajn samideanojn.

Estis por Esperanto malfumaj jaroj, similaj al tiuj, kiujn ni antaŭ nelonge denove travivis.

Sed kiam, post la fino de tiu unua Mondmilito, la movado denove pli bele kaj pli triumfe ekfloris, unu el la unuaj samideanoj, kun kiuj ni interkonatiĝis, estis S-ro Mathieux, kiu, kvankam tiam ankoraŭ tre juna, tamen ŝajnis veterano, laŭ ĉio tio, kion li jam estis farinta por nia movado, de lia esperantiĝo en 1908.

Kaj, kvankam, ni, en nia proksima numero, certe ion legos pri la solenaĵo okaze de lia kvardekjara jubileo, ni tamen volas tie ĉi saluti publike tiun bonan amikon kaj ankaŭ, kun li, tiujn samcelanojn, kiuj ĉiuj, ofte en tre diversaj rondoj kaj laŭ malsimilaj manieroj, faris sian eblon por helpi al la disvastigo de nia lingvo.

Ni sammomente, volas honorigi S-inon Elworthy-Posenaer, kiu, kvankam ŝi ankoraŭ nur malfacile povas ĉeesti kunvenojn, tamen daŭrigas la fajran dissemadon, publikigante en taĝjurnaloj artikolojn pri Esperanto kaj raportojn pri niaj naciaj kaj internaciaj kongresoj, kiel tio ankoraŭ tiun ĉi jaron okazis en « Le Matin »; al S-ro Ritschie, alia influa membro de la « Sepo por la Sepa », tiu fama L. K. K., kiu en 1911, organizis en Antverpeno plej belan universalan kongreson.

Kaj, en ilia persono, ni salutas ankaŭ ĉiujn aliajn, kiuj eble ne ludis tian gravan aŭ unuarangan rolon kiel la jam cititaj sed kiuj tamen, ĉiu laŭ sia forto, helpis al la sukcesigo de niaj ĉies komunaj klopodoj; ne forgesante komprenelble tiujn kelkajn, kiuj ankoraŭ ĉiam alte tenas la standardon kaj havas la feliĉon, ke ilia san- kaj vivstato permesas al ili pluan viglan kunlaboron.

Estus bone ke, en nia Ligo, ni havu la kompletan liston de tiu honora kolono de veraj pioniroj de nia movado, kiuj restis fidelaj al sia idealo kaj al sia Ligo.

Maur. JAUMOTTE.


Articles en français et en flamand, pp. 14 et 15.
Artikels in 't Vlaams en in 't Frans, blz. 15 en 14.

## 34a UNVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bournemouth, 6-13 Aŭgusto, 1949.**

UNUA INFORMILO

**Loka Kongresa Komitato.** — Prezidanto : J. W. Chambers; Vicprezidanto : R. Porter; Ĝenerala Sekretario : C. C. Goldsmith; Konstanta Sekretario : O. T. Nicolaisen; Komitatanoj : W. Birtwistle, F-ino G. E. Cock, A. Fisher, F-ino M. Gray, S-ino W. Laurie, S-ino F. W. White.

**Adreso por leteroj.** — 34a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth, Herts., Anglujo.

**Kongresejo.** — La Urbdomo, Bournemouth. La malferma kunsido kaj la balo okazos en la paviliono.

**Kongreskotizoj :**

| | | ĝis 31.12.48 | ĝis 31.3.49 | poste |
|---|---|---|---|---|
| Kongresano... ... ... ... ... ... ... | ŝil. | 30,— | 35,— | 40,— |
| Edzo aŭ edzino de kongresano ... | ŝil. | 15,— | 17,50 | 20,— |
| Junul(in)o ne pli ol 20-jara ... ... | ŝil. | 12,50 | 15,— | 20,— |

**Pagoj.** — Estas akceptataj :

1. Ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en bankoj. Atentu : ne sendu monbiletojn en letero !
2. Internaciaj poŝtmandatoj, ĉekoj, k. t. p. pageblaj al Universala Esperanto-Asocio.
3. Oni pagu al iu banko petante ke la sumo estu sendota al Barclays Bank Ltd., Rickmansworth, konto de Universala Esperanto-Asocio, kaj kun sciigo pri la sendinto.

Kiel pagon por la kongreskotizo ni ne akceptas poŝtmarkojn aŭ varojn, sed ni povas akcepti ĝuste stampitajn internaciajn respondkuponojn laŭ la tarifo 4 rpk. = 1 ŝil.

**Aliĝiloj.** — Haveblaj ĉe U. E. A. kaj ĉe la landaj asocioj. Aliĝilo validas nur kun samtempa pago. Skribu la nomon kaj adreson tre klare, prefere per literoj similaj al la presitaj.

**Kongreskarto.** — Tuj post ricevo de la aliĝilo kaj kotizo, L. K. K. sendos al vi provizoran kongreskarton. Pli poste kongresanoj ricevos informojn kaj mendilojn por loĝejoj kaj ekskursoj.

**Al informpetoj** bonvolu aldoni internacian respondkuponon (Britoj, poŝtmarkon).

**Glumarkoj.** — Mendu kaj uzu la belajn kongresajn glumarkojn. Por 6 p. aŭ du rpk. oni ricevos folion da 20 glumarkoj.

**Blinduloj.** — Konforme al la kongresregularo de U. E. A., blindulo kaj lia gvidanto ricevos senpagan kongreskarton ĝis la fino de Marto 1949; poste ili devos pagi la duonon de la plena kongreskotizo. La aliĝilo de blindulo devas esti subskribita de blindula organizaĵo, aŭ de okulkuracisto.

**Blindula kaso.** — Helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton; la komitato antaŭdanke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Fakkunsidoj.** — Tiuj, kiuj volas aranĝi fakkunsidojn, estas petataj sendi informojn al ni kiel eble plej frue, kun indiko pri la antaŭvidata nombro da ĉeestantoj.

**Loĝejoj.** — Pri tiuj ni donos informon en estonta informilo, sed ni povas nun sciigi ke bonaj loĝejoj estos haveblaj po £ 5, 6, 7, 8, kaj pli altaj sumoj por la semajno. Tiuj prezoj enhavas la koston de ĉiuj manĝoj dum la semajno, sed ne la trinkmonon. Ni esperas ankaŭ aranĝi pri malmultekostaj loĝejoj kaj tendare. Notu, ke pro la specialaj cirkonstancoj en Bournemouth (feria urbo) ni kutime povos akcepti mendojn por restado nur de sabato ĝis sabato, t. e. por unu, aŭ du, aŭ pli da semajnoj.

**Aliĝoj.** — Ĝis la 25-a de Oktobro aliĝis 293 personoj el 21 landoj.

---

Esperantistoj diskonigu esperanton, diligente legigante de konatuloj viaj la nacilingvajn tekstojn de nia Bulteno.

## LA 33a UNIVERSALA KONGRESO EN MALMÖ

*Pro la intereso de la raporto, ni preferis prokrasti ĝis proksima numero la sekvon de tiu artikolo verkita de Kongresanino n-ro 826.*

Estimataj Samideanoj,

En Bruselo mi envagoniĝis kun kelkaj belgaj gesamideanoj. En la vagonaro jam troviĝis multaj anglaj esperantistoj; en Lieĝo aliĝis la franca karavano kaj en Danujo la dana. Do, iom post iom, la tuta vagonaro esperantiĝis. Traveturante Germanujon, ni nur haltis en la grandaj stacioj. Ĉie atendis germanaj esperantistoj, kiuj salutis nin, kaj unuflanke ĝojis havi la okazon paroli kun eksterlandaj gesamideanoj, aliflanke bedaŭris esti ankoraŭ malhelpataj partopreni la kongreson. Sabate je la kvara horo matene ni alvenis en Malmö. Ne tre oportuna tempo.

Tiun tutan sabaton estis vigla interpuŝado en la akceptejo. De ĉiuj flankoj alvenis la gekongresanoj por manifesti la utilecon de la lingvo internacia. 1761 gepartoprenantoj el 33 landoj enskribiĝis por la 33a internacia kongreso de la Universala Esperanto Asocio. Sabatvespere je la sepa horo la kongreso estis solene malfermata en la salono de la urba teatro de Malmö.

Tiu teatro estas laŭdire la plej moderna en la tuta Skandinavio. La unuaj momentoj estis vere surprizaj. La estraranoj kaj komitatanoj same kiel la salutparolontoj jam estis sur la scenejo. La unuaj tonoj de nia himno eksonis kaj la tuta ĉeestantaro leviĝis kaj komencis kunkanti. Subite la scenejo estis lumigata per du grandaj reflektoroj kaj en tiu klara lumo malrapide sed tiam por ĉiu videble malsupreniĝis la en Bern jam konata granda kongresa Esperanto flago, ĝis ĝi formis la fonon por ĉiuj, kiuj troviĝis sur la scenejo. Estis vere solena momento.

Direktoro Wilhelm Johansson akompanata de la muziko deklamis prologon. Samideano Jan Strönne de Malmö, Prezidanto de la L. K. K., salutparolis nome de la L. K. K. Poste okazis la kutima paroladeto de la reprezentanto de la urba estraro, kiu bonvenigis la kongreson nome de la urbo de Malmö, kaj finfine parolis la Prezidanto de la U. E. A., S-ro Malmgren el Stokholmo.

Inter alie li diris, ke nia internacia kongreso estas kiel birdo, kiu flugas de lando al lando. Li akcentis, ke dum tiu semajno ni ne estas italoj, francoj, svedoj aŭ aliaj nacianoj sed nur esperantistoj. Plue li akcentis la signifon de Esperanto, esperis, ke ĝia praktika uzado rapide disvastiĝos.

Estis vere okulfrape, kiom multe da gejunuloj ĉeestis tiun kongreson. S-ro Malmgren atentigis pri la somera Universitato, pri la laborkunsidoj kaj la fakkunsidoj. Li finis sian paroladeton per la vortoj, ke la estonto estu por la junularo, ke ili uzu pli facilan interkomunikilon ol la diversaj naciaj lingvoj. Ni helpu al la junularo krei pli bonan mondon, por ke ĝi havu internacian, supernacian percepton de la mondo. La devizo de la 33a kongreso estu : « Esperanto por la Junularo ».

Post tiuj vortoj okazis la kutimaj paroladoj de la oficialaj reprezentantoj de registaroj kaj poste la salutparoladoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj. Kiel lasta parolinto salutis la kongreson la nepo de D-ro Zamenhof, Ludoviko Zamenhof. Li parolis nome de sia familio. Post kelkaj informoj flanke de la L. K. K. komenciĝis la interkonatiĝa vespero en la halo de la urba teatro.

Tiuj, kiuj jam ĉeestis kongreson, scias, ke la interkonatiĝa vespero havas tute apartan ĉarmon. Oni retrovas malnovajn amikojn, interkonatiĝas kaj fratiĝas kun ankoraŭ nekonataj gesamideanoj. Tiun vesperon oni nur aŭdis nian lingvon internacian, sed ne nur tiun vesperon, dum la tuta semajno, ĉie la gekongresanoj sekvis la konsilon de la estraro, ke oni ekskluzive parolu Esperanton. Baldaŭ regis la konata varma sfero en la kongresejo, kaj nun noktmeze oni disiĝis por denove renkontiĝi la venontan tagon.

La dimanĉo estis kiel kutime ĉe kongresoj, sed lunde komenciĝis la Somera Universitato, kiu daŭris ĝis sabato. Tiu Somera Universitato meritas kelkajn vortojn. Entute parolis naŭ prelegantoj. D-ro Söderberg de la Universitato de

## UN VIOLON D'INGRES

« A quoi l'esperanto pourrait-il me servir ? Je n'ai pas l'intention de participer à des congrès internationaux; je n'ai pas besoin de lire les ouvrages d'auteurs étrangers. » Tel est le langage des indifférents. Certains d'entre eux ajoutent une quelconque objection, qu'ils ont entendue mais pas vérifiée.

Nous avons jadis entendu un philologue distingué affirmer que l'esperanto ne pourrait subsister, parce que **infailliblement et suivant un processus historique,** les peuples en feraient de multiples dialectes.

Par la suite, ce philologue fut étonné d'apprendre que depuis 1905 ont lieu. chaque année, des congrès de milliers d'espérantistes venus (sauf durant les deux guerres mondiales) de pays (et de continents) fort éloignés les uns des autres, et que tous ces gens parlent l'esperanto de la même manière et se comprennent fort bien. Il avait perdu de vue que c'est la littérature qui assure la stabilité d'une langue, et que la langue auxiliaire est destinée non seulement à être parlée, mais surtout à être écrite et imprimée. Il ne savait pas que le Secrétariat Général de la Société des Nations, se plaçant au point de vue strictement objectif, a fait jadis une enquête à ce sujet, et que ce que nous venons de dire est signalé dans son rapport A 5 (1) 1922, approuvé par l'Assemblée générale du 21 septembre 1922.

Le même rapport constatait déjà l'existence d'une importante littérature,

---

Uppsala enkondukis kaj fermis la Someran Universitaton. La prelegantoj elektis tre diversajn temojn, kaj estis vera intelekta plezuro aŭskulti la parolantojn pro ilia ĝisfunda kono de la elektitaj temoj, pro ilia lerta uzado kaj la lingvistika beleco de nia lingvo. La Somera Universitato montris, ke Esperanto plene taŭgas kiel spirita interkomprenigilo. La temoj de la prelegoj estis zorge elektitaj. Tiel ekzemple Profesoro Björn Collinder de la Universitato de Uppsala parolis pri « La Laponoj ». S-ro Stop-Bowitz el Oslo paroli pri « El la mirinda naturo ». Profesoro Knut Lundmark de la Universitato de Lund parolis pri « La ĉefprincipoj de la nuntempa internacia juro ». S-ro Stahre el Stokholmo parolis pri la « Sveda koopera movado ĝenerale kaj ĝia eduka agado ». Preskaŭ ĉiuj prelegoj estis ilustrataj per filmoj. Kvankam tre bela vetero favoris la kongreson, ĉiutage 300 ĝis 400 geaŭskultantoj ĉeestis la prelegojn.

En la kongresa semajno okazis 3 laborkunsidoj. Dum la unua kunsido oni pritrakis la agadon de la pasinta jaro. Ĝi estis enkondukata de S-ro Oliver, kiu raportis pri la unua komitatkunveno. Poste sekvis diskutado pri diversaj punktoj. Pro la fakto, ke en multaj landoj la membroj ne povas pagi sian kotizon pro devizaj malfacilaĵoj, ekestis deficito en la U. E. A. kaso. Por forigi ĝin S-ro Goldsmith petis, ke proksimume 400 gekongresanoj aliĝu al U. E. A. kiel individua membro. (Dum la ferma kunsido oni komunikis ke 60 novaj membroj aliĝis.) Alia propono por forigi la deficiton estis, ke la esperantistoj de tiuj landoj, kiuj rajtas pagi al U. E. A. adoptos samideanon de iu lando, kie oni ne rajtas pagi.

Inter la 33 landaj reprezentantoj ankaŭ estis la prezidanto de la germana Esperanto movado, S-ro Bünemann el Hamburgo, malnova veterano de nia ideo. Oni diskutis la germanan problemon, kaj problemo ĝi restis. Rimarkindaj estis la vortoj de Ĉekoslovako. Li diris inter alie : « Nia lando estas detruita de germanoj, niaj suferoj estis nepriskribeblaj, sed tamen per la radio ni etendas la manon de la germanaj esperantistoj. »

Koncerne la petskribon oni proponis nur akcepti la individuajn subskribojn. Entute envenis 7.621.933 subskriboj, sed inter ili 867.537 nur estis individuaj kaj 6.754.396 kolektivaj.

Oni forte kritikis, ke ofte fakdelegitoj ne sufiĉe konas la lingvon, kaj tiaj delegitoj pli malutilas ol utilas la movadon. Kulpas pri tio kompreneble nur la lokaj grupoj, kiuj proponas tiajn personojn. La listo de la delegitoj ne unualoke estu longa, ĝi unualoke devas enhavi taŭgajn personojn, kiuj tre bone konas la lingvon. *(Sekvo en proksima numero.)*

## ESPERANTO IN DIENST VAN DE WETENSCHAP

(Uit eèn artikel van G. F. Makkink, in « De Esperantist », Purmerend)

Vele geleerden hebben op de grote bruikbaarheid van het esperanto geweest. Reeds in 1887, nog voor Zamenhof het esperanto had gepubliceerd, had de American Philosophical Society te Philadelphie een reeks van eisen opgesteld waaraan een universele hulptaal zou moeten voldoen. Hoewel Zamenhof niets van dit document afwist, bleek zijn taal vrijwel geheel aan deze eisen te voldoen.

Nu, na de tweede wereldoorlog, tengevolge van de snellere verkeersmogelijkheden, de beoefenaren der wetenschap veel meer dan vroeger persoonlijk met elkander in aanraking komen, op studiereizen en op internationale congressen, is de invoering van een gemeenschappelijke verkeerstaal een dringende eis geworden. Men behelpt zich echter nog met vele talen gelijktijdig, meestal het Engels, Frans en Duits en meent dat dit heel goed mogelijk is. Dat dit systeem toch maar gebrekkig functionneert blijkt uit het feit, dat veelal van vertalers of van een kostbare combinatie van een telefooninstallatie met tolken

---

tant en ouvrages écrits en esperanto et relatifs à des sujets les plus divers qu'en traductions. Ces œuvres originales et ces traductions ont été faites par des esperantistes de pays très divers d'Europe et d'Amérique, et même de Chine et du Japon. Aujourd'hui, toutes les publications récentes et les congrès internationaux d'esperanto, à Berne en 1947, à Malmö en 1948, ont montré encore la parfaite uniformité et la stabilité de la langue.

Les processus historiques sont actuellement énormément différents de ceux d'il y a des centaines et des milliers d'années; les relations et le trafic internationaux sont devenus d'une intensité qui n'ont jamais existé antérieurement. Les objections que l'on fait à l'esperanto sont diverses, et souvent bizarres; nous en avons examiné une pour montrer qu'il serait fort utile qu'on ne critique qu'en connaissance de cause.

Aux indifférents, nous signalons que beaucoup de gens intelligents ont un « violon d'Ingres », qui les distrait de préoccupations professionnelles ou autres. Un art, la littérature..., la langue auxiliaire pourrait être...

— Ah non, Monsieur l'espérantiste, merci pour la distraction; je n'ai pas la bosse des langues; je ne garde pas un souvenir bien agréable des leçons que j'en ai dû suivre jadis, sans grand résultat d'ailleurs.

— Mon cher interlocuteur, je vois que vous êtes insuffisamment renseigné.

— Mais cependant, on ne peut nier que l'étude d'une langue est très ardue.

— L'esperanto fait exception. Il est le résultat de ce qu'on pourrait appeler une **évolution dirigée** des langues européennes prises dans leur ensemble; certaines d'entre elles sont exemptes des graves complications grammaticales que présentent les autres, et réciproquement. En les comparant, on voit que presque toutes ces complications sont inutiles à l'expression exacte des idées. L'auteur de l'esperanto a éliminé ces difficultés. Deuxièmement, il a choisi, comme base du vocubulaire, des « racines » de mots, prises principalement dans les langues romanes et germaniques, et fréquemment communes à ces deux groupes linguistiques. Il les a orthographiées de telle sorte que la prononciation est entièrement d'accord avec l'écrit, tout en laissant les racines bien reconnaissables. Enfin, par un jeu d'affixes **à sens très net** se combinant **logiquement** avec les racines, il a mis à la disposition de l'esperantiste un nombre très important de mots au moyen d'un nombre relativement faible de racines, facilitant ainsi très considérablement le rôle de la mémoire, **tout en permettant l'expression des nuances les plus délicates.**

L'esperanto peut donc bien être un « violon d'Ingres » pour ceux qui, le cœur bien placé, s'intéressent non seulement à leur propre intérêt, mais aussi à celui des nouvelles générations; il n'est en effet pas douteux que la facilité de compréhension réciproque peut aider beaucoup au maintien de la paix dans le monde.

C. VANDEVELDE.

## MEMBRO BONFARANTA

**Ĉu vi jam estas « bonfaranta membro »?**

**Duafoje ni faras la demandon en « Belga Esperantisto ».**

**Se vi ne jam estas, turnu vin al via kasist(in)o, kiu helpos vin eniri la vicon de tiuj subtenantoj de nia Ligo.**

---

gebruik gemaakt wordt; dat mededelingen in meer talen moeten worden gedaan en dat het persoonlijk contact tussen lang niet alle congresdeelnemers mogelijk is tengevolge van het verschil in taal. Esperanto zou onmiddellijk tot een enorme vergemakkelijking van het contact voeren en tot een besparing in tijd en kosten. De enige voorwaarde is dat men het leert.

Ook in de publicatie heerst noch talenchaos. Esperanto zou hier tot een grote verbetering kunnen voeren. Men moet dan echter het publiceren in de moedertaal opgeven en zich enige moeite getroosten het esperanto te leren. Deze moeite vindt haar beloning, zodra ook anderen in esperanto gaan publiceren in plaats van in een « kleine taal ». Voor hen die nu met veel moeite in een der moderne talen publiceren (dus in een voor hen vreemde taal), betekent het schrijven van esperanto een vereenvouding, en zelfs als men esperanto eerst nog moet leren krijgt men deze tijd spoedig terug, doordat men van het ploeteren met de moderne talen af is.

Voor de publicatie van kostbare handboeken, universitaire leerboeken, atlassen, encyclopedieën, enz., zou het gebruik van esperanto een belangrijk perspectief zijn; het zou tot een vergroting van de oplaag kunnen leiden en daardoor zou de prijs van deze in de regel dure uitgaven belangrijk lager kunnen zijn. Dat elk land zijne eigen grote encyclopedieën heeft, is verkwisting in energie, omdat een belangrijk deel van de inhoud volkomen universeel is.

De toepassingen van esperanto in wetenschappelijke publicaties zijn in verhouding tot de zee van vakliteratuur nog niet talrijk, maar wat er reeds is bewijst dat op elk gebied esperanto bruikbaar is. Het is intussen veel te veel om hier haar summier weer te geven. Voor vele vakken zijn de technische termen in het esperanto vertaald, zodat men het esperanto onmiddellijk in gebruik kan stellen. Voor 1939 werd in Japan vrijveel gepubliceerd in het esperanto; ik denk aan de jaarverslagen van een meteorologisch station. Tot dat jaar werd in België de « Medicina Revuo » gedrukt, het vakblad van de bond van artsen-esperantisten. Ook verscheen een kostbare atlas over het zonnespectrum, van drie Nederlandse sterrekundigen, waarin de tekst zowel in het Engels als in Esperanto is gedrukt. De Braziliaanse regering drukt haar statistiek, die voor het buitenland is bestemd, af in drie talen : het Portugees, het Engels en het Esperanto, waarin de erkenning ligt opgesloten dat Esperanto een volwaardige en bruikbare taal is voor wetenschappelijke publicatie (1).

Men kan de wetenschappelijke wereld evenals de maatschappij in zijn geheel de verwijten maken dat men zich te weinig rekenschap geeft van het ongemak der taalverscheidenheid; dat men zich niet weet los te maken van het vooroordeel dat het Esperanto een « kunsttaal » is en dat men nog niet op de gedachte is gekomen de beginselen van « efficiency » toe te passen op het gebied der internationale communicatie.

Maar deze tijd breekt aan, men ziet de kentering. In Engeland werd verleden jaar de British Esperantist Scientific Association opgericht; in Nederland werd de Vereniging voor Toepassing van Esperanto in de Wetenschap opgericht. Beide verenigingen zijn aangesloten bij de Internacia Scienca Asocio Esperantista, en in verschillende landen begint in de wetenschappelijke kringen belangstelling te groeien voor het Esperanto en zijn mogelijkheden voor de wetenschap. Men moet op den duur tot de ontdekking komen dat de voordelen van verstrekkende aard zijn.

---

(1) De Internationale Commissie voor Electrotechniek heeft, in haar zitting van 1935, te Brussel, beslist de technische Esperanto-termen in haar woordenboek te publiceren.

## BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — *La Verda Stelo.* — Ĉiuvendrede, je la 20,30 horo en salono « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 (1-a etaĝo), semajna kunsido kun programo, pri kiu informos la tagaj ĵurnaloj.

Ĉiumarde, je la 20a horo en la Lernejo de la Belgiëlei, daŭrigo de la ĵus komenciĝinta elementa kurso de Esperanto.

BRUSELA GRUPO. — *Programoj de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat. Horo, la 20-a.

*Novembro.* — La 8-an : F-ino Obozinski, « Mi vojaĝis al Nord Italujo »; la 15-an : D-ro Kempeneers, « Antaŭ kvardek Jaroj »; la 22-an : S-ino Sengel, « Ĉeĥoslovaka Antologio »; la 29-an : S-ro Swinne, « Rezorbado de Ŝtatoficistoj ».

*Decembro.* — La 6-an : Parolata ĵurnalo; la 13-an : Zamenhof-vespero; la 20-an : S-ino Elly Staes, « Pri Guido Gezelle »; la 27-an : S-ro Sengel, « Ŝercaĵoj ».

*Januaro.* — La 3-an : Parolata ĵurnalo; la 10-an : S-ro Guyot, « Pri Abelkulturo »; la 17-an : Generala Kunsido, raportoj de Prezidanto, Sekretario kaj Kasistino; la 24-an : S-ro Hart, « Pri io ajn »; la 31-an : S-ro Verdier, « Unuaj Balbutoj ».

*Februaro.* — La 7-an : Parolata ĵurnalo; la 14-an : S-ino Richard kun temo ne jam konata.

GENTA GRUPO DE R. B. L. E. malfermis, la 11-an de Septembro sian lernan kaj interparolan kunsidaron. Kelkaj novaj lernant(in)oj enskribiĝis. Ni esperas ke diversaj grupanoj sekvos la ekzemplon de Sinjorino Van Wanseele, kunvenigante ankoraŭ estontajn esperantistojn.

Kunsidoj okazis la 9-an kaj la 23-an de Oktobro (sabate), je 17 h. en la Mezgrada Lernejo, 1, Bisdomkaai, Gent.

## ESPERANTO KAJ...

*KOMERCO*

En « Franca Esperantisto » kaj en « La Interligilo » aperis alvokoj de S-ro Thollet, komercisto, avenue Clémenceau, Port-Lyautey, Maroko, kaj de S-ro Gailliot, inĝeniero, 3, square des Aigles, Chantilly (Oise), Francujo, kiuj intencas starigi grandan, influan komercan societon, kun la kunhelpo de Esperantistoj en ĉiuj landoj. Tiu ĉi firmo uzus en siaj internaj rilatoj nur Esperanton kaj farus ĉiuspecajn servojn al Esperantistoj, sur diversaj komercaj kampoj : turismo, importo kaj eksporto de varoj, k. t. p.

Ĉiuj, kiuj emus partopreni en tiu entrepreno, kiu devos montri la eblecon uzi Esperanton grandskale, ankaŭ en komerco, povas sin turni al S-ro Gailliot (supremenciita adreso).

*SPORTO*

*Konkurso pri sporta verkaĵo.* — La oficiala organo de la Brita « Olimpiada » komitato, « World Sport », aranĝis konkurson, kies celaĵo estas verko de artikolo pri la temo : *Kiel internacia interkompreno kaj amikeco estas akcelataj per la sporto.* Sveda sporta pedagogo kreis projekton pri sportaj konkursoj, en la kadro de la ĉi supre montrata konkurso, inter la junuloj de la tuta mondo; ili okazus dum aparta *Tutmonda sporta tago.*

Tiu tutmonda tago devus, laŭ la propono, esti aranĝata de U. N. La venkintoj ricevu diplomon en esperanto, subskribitan de la regnestroj de la landoj reprezentataj en la konkursoj. La celo de la propninto estas pretigi la vojon por ke Esperanto fariĝu la oficiala lingvo de la internacia sportmovado. La koncernatoj sin turnu al *Svenska Esperanto-Forbundet*, Tegelbacken, Stockholm.

*TURISMO*

— ITALA ESPERANTO FEDERACIO agis ĉe TOURING-CLUB ITALIANO por ke ĝi mem proponu ke Esperanto estu pritraktota, kiel internacia lingvo de l'tuta turistaro, sur la tagordo de ALLIANCE INTERNATIONALE DE TOURISME okaze de la jarkunveno de 1949. TOURING-CLUB ITALIANO jam akceptis la proponon.

Por ke la iniciato de la Itala Esperanto Federacio sukcesu, estas utile, eĉ necese, ke la « Touring-Club » el la diversaj landoj ankaŭ akceptu ĝin. Ni petas do tiujn el niaj samideanoj, kiuj estas viglaj turistoj, ke ili uzu sian influon ĉe Turisma Asocio, por sukcesigi la gravan Italan iniciaton. Estas rimarkinde ke Touring Club de Belgique akceptis Esperanton en sia leksikono.

*Propaganda Sekretario.*

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Generala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Adv. A. JUSTE, Fleurus.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Helpa Kasistino :* S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

(IEL kaj UEA kunigitaj)

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... .. ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... . . ... ... ... ... ... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.